ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: T. S. MARTIN, Slovakotour, ĈSR-Slovakujo
V-a JARKOLEKTO ● AŬGUSTO—SEPTEMBRO 1950 ● NUMERO 8—9

*Dr. Aŭgusto Pitlík:*

# Feriaj kursaroj de Esperanto

(Doksy — Svit)

Dum la esperantista movado antaŭ kelkaj jaroj en la somera sezono ĝenerale ripozadis kaj la esperantistoj — kiel homoj — rapidis ripozi kaj libertempi en la naturo (ĉe la riveroj, en la arbaroj kaj montaro), en la lasta tempo la esperantista movado dumsomere en multaj landoj aktiviĝis per feria kursaro, okazinta kutime en nature bela regiono kaj loko, kie vivas entreprenemaj gesamideanoj. Plejparte partoprenas la kursaron ankaŭ diverslandanoj, kies ĉeesto igas la someran Esperanto-entreprenon pli interesa.

En Ĉeĥoslovakio aranĝis ĉi-jare Esperantan kursaron unualoke la „Someraj Esperanto-kolegioj" en Doksy kaj Svit; la unua jam la kvinan fojon, la dua je la unua fojo. Ambaŭ estis sukcesplenaj! Kial? Pro ilia speciala instrumetodo, amika esperantista medio kaj naturaj allogaĵoj de ambaŭ kurslokoj. En Doksy — vastaj plaĝoj de de la „ĉeĥa maro" Lago de Mácha, ĉirkaŭita de ampleksaj arbaroj kaj gardita de la historia kastelruino Bezděz; en Svit — montegaro Altaj Tatroj, kiuj kun ŝtonaj grandeguloj, romantikaj valoj, pitoreskaj lagoj, aŭdacaj akvofaloj, modernaj klimataj banejoj kaj somerrestadejoj, pendas majeste kaj minacege super la industria, moderna laborloko, sidejo de SKES.

Ĉefa „atrakcio" de ambaŭ kurslokoj estis — vera amikeco de ĉeĥoj kaj slovakoj, kiuj partoprenis grandnombre ambaŭ kursarojn, penante per sincera kunlaboro ilin sukcesigi en intereso de florado kaj kresko de la esperantista movado. „Someraj kolegioj de Esperanto" en Doksy kaj Svit, jen pruvita ekzemplo por sincera kaj sukcesa kunlaboro de esperantistoj, de bona volo.

„Doksy" kaj „Svit" bone helpis antaŭenpuŝi la esperantistan movadon en Ĉeĥoslovakio!...

# Akcepto en Svit

(Rememoro de ĉeĥa verdkorulo.)

„Estu bonvenataj, gesamideanoj!“ „Bonvolu, fratoj!“ per tiuj ĉi vortoj sonis la spaco de la stacidomo en Svit, per ili pulsas la varma koro de nia kara metropolo Esperantista, kiu havas ĉiujn supozojn por fariĝi kune kun Doksy — Mekko ne nur de slovakaj Esperantistoj, sed de la ĉeĥoslovaka esperantistaro ĝenerale. Doksy — Svit, tiuj nomoj brilas en la estontecon kiel ŝtonfirma garantio de eterna amikeco inter du frataj popoloj — inter Ĉeĥoj kaj Slovakoj, ĉar ili estas kreitaj per sama volo, per sama amo, al sama nobla celo!

Kaj ne nur tio. Je ĉiu paŝo ni povas konvinkiĝadi, kiamaniere Esperanto kunligas nin ankaŭ kaj precipe — kun laborantaj slovakaj homoj. Ĉu ne estas la plej bona pruvo de tio la simplaj vortoj, aŭdataj el buŝo de ĉiu Slovako? „Bonvolu, karaj fratoj“? Ĉu ne renkontiĝas la koroj unufronte, kiel koroj de gesamideanoj kaj kiel koroj de gefratoj samtempe?

Kiom da amo speguliĝas en la simpla frazeto, kiom da varmo transiras je vi, se vi ĝin aŭdas! Kvazaŭ la koro eksaltas pro ĝojo, ke malgraŭ, ke vi estas malproksime, centojn da kilometrojn de viaj domoj, tamen vi sentas vin hejme. Kaj io en nia interno vokas. „Dankon, dankon, karaj fratoj!“

Jen la koroj estas malfermitaj kaj larmoj prenas la okulojn. Larmoj de varma amo, je kiu ni — esperantistoj estas ja alkutimiĝintaj en nia verda rondo, sed kiu tiel potence sentigas nin, se ĝin pruvas la homoj, kiuj eble eĉ ne scias pri niaj klopodoj. Kaj des pli valora ĝi estas — tiu vera amo al ĉiuj!

Slovakujo fieriĝu per siaj gastigantoj, ĉar ili en unua vico estas indaj porti la homaran nomon „belaj homoj“! Senpere kaj per natura sincero ili plenumas la plej grandan parton de nia esperantista laboro.

Kaj ni ne timu konfesi, ke ĝuste ili estas niaj plej bonaj samideanoj, ĉar ili helpas al ni disdoni amon kaj pacon inter la homoj.

*—NoMo—*

VENONTJARE ANKAŬ VI VENU AL SVIT!

okazis de la 5-a ĝis la 19-a de aŭgusto ĉi-jara. Partoprenis entute 180 gekursanoj, envicigitaj en 7 klasojn. Estis aranĝitaj 2 Ĉe-metodaj kursoj, kiujn gvidis s-anoj Slanina kaj Ŝolc. La kurson B (pri Esperanta korespondado) gvidis s-ano D-ro Izák. Ĉiujn kursojn kompletigadis per klarigo de gramatikaĵoj kaj kantado s-anino Seppová, s-anoj Raška kaj Špŭr. En kurso C (konversacia) kiel klasestro funkciis s-ano prof. Tvarožek. En la t. n. kurso D (seminaria) prelegis D-ro Pitlík, estro de la Kolegio, pri deveno de Esperanto, pri ĝia evoluo, literaturo ktp. La kursanoj C kaj D laŭvole partoprenadis ankaŭ la oratoran kurson, kiu sub gvido de s-ano Slanina bonege progresigis ilian parolkapablon kaj malkovris novajn talentojn. La preparkurso por Ĉe-metodaj instruistoj konvinkis la partoprenintojn pri la grava rolo de psikologio en instruado laŭ rekta metodo.

La instruado komencadis ĉiutage je la 8-a kaj daŭris ĝis la 12-a. Posttagmeze okazis ekskursoj kaj vespere fakaj prelegoj aŭ amuzaj kaj organizaj kunsidoj. La ĉefaranĝanto estis nia senlaca A. Slanina samtempe redaktoro de neperiodika „Verda Voĉo“ — al kiu helpis areto da sinoferemaj gesamideanoj. La gekursanoj partoprenis ankaŭ labor-brigadon sur la „Ŝoseo de Junularo“.

La solena malfermo okazis dimanĉe la 6-an de aŭgusto. Pri ĝi sekvas plua informo nacilingva por nia enlanda legantaro.

## LETNÉ KOLÉGIUM ESPERANTA VO SVITE

Slávnostné otvorenie Letného esperantského kolégia vo Svite bolo v nedeľu, dňa 6. augusta t. r. v preplnenej a pekne vyzdobenej miestnosti Spoločenského domu. Za predsedníckym stolom zasadli usporiadatelia s učiteľským sborom. Po zaspievaní hymny účastníkov privítal s. *M. Novák*, prednosta pošty, ktorý vyzdvihol význam esperanta ako medzinár. pomocnej reči robotníckej triedy po celom svete a poďakoval mistnym úradom a Tatrasvitu n. p. za porozumenie a pomoc.

Dr. Pitlík, riaditeľ kolégia vylíčil v krátkosti dejiny esperantského hnutia u nás, so zreteľom na vzťahy česko-slovenské a obranu našich spoločných záujmov na medzinárodnom fóre. Záverom vyslovil radosť nad krásnym príkladom a konkrétnym prejavom spolupráce Čechov a Slovákov.

A Slanina pozdravil menom pražského esperantského vysielania, ktorého „Verda stacio“ je i na Slovensku veľmi obľúbená.

A. Malík, vedúci esperant. odboru Min. informácií podčiarkol politický význam a účinnú pomoc esperanta pri obrane mieru a predložil početné doklady našej publicistickej činnosti po svete. Menom čs. esperantistov sa ohradil proti agresii západných imperialistov na Kórei a opätovne vyzdvihol našu líniu: kráčať smelšie a vpred k socializmu pod múdrym vedením nášho milovaného prezidenta s. Kl. Gottwalda, po boku nášho spojenca i ochráncu, mohutného Sväzu SSSR a ľudových demokracií.

Dr. Ľ. Izák menom Slov. esperant. sdruženia a Ústavu poďakoval českým esperant. pracovníkom za bratskú pomoc pri uskutočnení našej „ľudovej univerzity esperantskej“, ktorá nám pomôže odstrániť pálčivý nedostatok učiteľov a nových spolupracovníkov.

Po odoslaní pozdravných telegramov bola pekná slávnosť ukončená spoločným fotografovaním.

A. Malík mal príležitosť prehovoriť i pred celozávodnou schôdzkou ROH o práci a cieľoch čs. esperantistov, ktorí sa zúčastnili vo veľkom počte i na dobrovoľnej pracovnej brigáde, aby aj na tento spôsob dokumentovali svoju spolupatričnosť s robotníckou triedou.

## Pac-kanto

(Himno de Monda Federacio de Demokrata Junularo)

Ni diversnacianoj kunbatalas por sama ide',
post milit', por ke vivu ni eterne en pac' sen arme'.
Junular' de la mondo jam ariĝas en rondo,
sin ĉie levas, vicojn ligegas, venu do vi kun ni!

Refr. Kantu ligokanton kun ni! Estu pac',
estu pac', estu pac'!
Nian kanton ne sufokos la minac',
la minac', la minac'.

Al ĉiuj ni eĥas la tutmond' per ĉi respond':
Nian kanton ne sufokos la minac', la minac', la minac'!

*Trad. Št. R. Seemann.*



Somera Esperanto-Kolegio en Svit, 1950.

Foto Jurisa

*Igor Kiŝŝ:*

# HOMOJ

*Homoj ...*

*Mi vidas la malhelgrizajn siluetojn de iliaj korpoj ie profunde en la tero. Ili nomas sian subteran labirinton „la minejo". Anstataŭ suno ili havas lampetojn, anstataŭ steloj ili havas centojn da malbrilaj okuloj, anstataŭ aero ili spiras la haladzojn de siaj ŝvitkovritaj korpoj. Anstataŭ montoj tenas ilian firmamenton lignaj ŝtipegoj, kunfiksitaj per rustaj najloj. Anstataŭ nuboj pendas super iliaj kapoj gutoj da trafiltriĝanta akvo. Ili havas dum la tago du noktojn kaj tamen ili estas feliĉaj.*

*Homoj ...*

*Mi vidas iliajn bluajn okulojn, kiam ili rigardas la altomezurilojn de siaj flugaparatoj. Ili diras, ke ili estas la regantoj de la Universo. Ilia unuanura sopiro estas tuŝi la stelojn, sed ili forgesas, ke tuŝi la stelojn estas permesite nur al poetoj. Ili rapidegas tra la firmamento, por ke ili kolektu en la malvarma spaco pli da varmaj sunradioj. Ili parolas pri la aero kiel pri sia amiko, sed ili forgesas, ke la aero amikiĝas nur kun tiu kaj permesas flugi en la altecon nur al tiu, kiu havas bonajn flugilojn. Kiu ilin ne havas, tiu falegas pli aŭ malpli frue. Sed ili ne zorgas pri tio. La aero kaj firmamento signifas por ili vivon kaj morton.*

*Homoj ...*

*Mi vidas iliajn difektitajn skeletojn, kurbiĝintajn je parabolo sub la pezo de la vivitaj tagoj. Ili rampas en la polvo de la vivo kaj serĉas gemojn. Tiuj el Okcidento pensas, ke la plej valora estas tio, kio brilas plej multe. Ili nomas ĝin „riĉaĵo". Per malserenaj okuloj ili admiras ĝin kaj ne vidas, ke ilia gemo estas nur vitra falsaĵo. La aliaj, el Oriento, priridas la unuajn; ili serĉas ne riĉaĵojn, sed la gemon, kiu nomiĝas „laboro". Ili estimas ĝin ne pro ĝia brilo, sed pro ĝia malmoleco. Ĉiuj estas konvinkitaj, ke ilia gemo estas la nefalsita.*

*Homoj ...*

*Homoj ellernis vivi sub la tero kiel vermoj. Homoj scias vivi super la tero kiel birdoj. Sed kiam ili ellernos la arton vivi sur la tero kiel homoj?*

# Ĉu Svit estas en Skandinavio?

Ni ĉiuj scias, ke ĝi estas en ČSR. La demandon evokis en mi jena okazintaĵo:

Mi loĝas ĉe familio, kies anoj ĉe forlaso de la domo pendigas la ŝlosilon de la loĝejpordo sur najlon ekstere ĉe la eniro en la domon. Mi demandis:

— Ĉu vi ne timas ŝtelistojn . . .?

La dommastro respondis:

— Ni fidas al homoj! . . .

Ĉu por esperantisto ne estas ĝojige trovi ĉe neesperantisto tian ĉi (al ni esperantistoj memkompreneblan) fidon de homo al homo? Ĉu ne estas tre kontentiga sento vidi, ke nia Somera Esperanto-Kolegio okazas en loko, kie estas tiel fidinda loĝantaro?

*EVT.*

*Sabahattin Ali:*

# Ide-kamarado

„Venu, ni iom trinku tie . . .!

Kara sinjoro mia, oni ne batos vin hejme pro duonhora malfruiĝo. Mi ne estas edziĝinta, sed mi komprenas tiajn aferojn. Tie ĉi oni povas ricevi bonegajn trinkaĵojn . . . kaj malmultekoste. Ni konas nin reciproke jam longe . . . trinku almenaŭ unufoje brandon kun mi . . .

He, kelnero . . . alportu ion . . .!

Sidiĝu, mia karega! Kvankam nia amikeco estas nova, jam mi tre ekŝatis vin. Mi estas tia homo, kiu kutimas ŝati siajn kamaradojn. Precipe mi admiras tiujn, kiuj povas esti ide-kamaradoj. Ĉu ne, mia frato, ni estas kvindek intelektuloj en la lando — kia fariĝus nia situacio, se ni ne defendos nin, konante unu la alian? Oni diras: „Nun profitemo regas la mondon, ne ekzistas mal-egoisma amikeco . . .“ — sed mi ne kredas tion. Mi ne povas pensi, kiel la ordinara popolo. Nek nia eduko, nek nia karaktero, nek niaj ideoj permesas tion. La viajn mi ne konas, sed mi kredas je spirita ligo, kiu estas super la objekto, je la sento, kiu proksimigas la homojn unuj al aliaj. Pripensu, ĉu la vivo havus

ian sencon, se ne ekzistus eĉ la bezono de „ami unu la alian, proksimiĝi unu al alia“? Nur ili estas tio, kio nin plialtigas super la publikon. Sed ankaŭ inter ni, intelektuloj, mankas tiaj kelkaj difinitaj ideaj ligoj; ĉiuj estas en sia klimato kaj serĉas sian memprofiton... Tial mi ĉirkaŭegas la bonan amikon, se mi trovas iun.

Nia urbeto estas malgranda. La homo dronas, ĉiu inteligentulo havas multajn opiniojn pri la homoj, pri la vivo, — li havas sian filozofion. Ni ĉiuj bezonas amikon, kiu komprenos tiujn temojn, kiu aŭdigos siajn kontraŭajn opiniojn. Mi ja diris, mankas... mankas... En nia oficejo ni estas proksimume dek personoj. Ĉiuj estas inteligentaj, havas edukon, saĝaj personoj, sed mi ne povas esti intima amiko eĉ kun unu el ili.

Tute mala estis mia amikeco kun tiu junulo, sindonema... frata... Tiu nia knabo estis en granda oficejo. Unufoje lin trafis malbonŝanco... Jen, tia afero... Vi kiel advokato, verŝajne estus akceptinta lian defendon... Vere, li estis tre homeca knabo, havis koron kiel el diamanto. Mi nur konis lin kiel sinceran kamaradon... Kion vi farus? Jen, tiaj estas la homoj... Unu mensogaĵo, kaj jen — ek en la malliberejaĉon!... Kvankam li ne estis tute senkulpa, ne estrinte bone sian langon kaj babilinte tro multe... Multfoje mi diris al li: Filo mia, nia epoko ne estas tia, ke vi... ĉu vi pensas, ke vi plibonigos la mondon? Ricevadu vian malgrandan salajron, sidu en angulo!... ĉu ne, mia sinjoro? Ankaŭ ni ja havas niajn ideojn... Jes, tiu ĉi mondo ne estas en ordo, sed venos ĉies vico... Rigardu, ĉu mi malfermas la buŝon? Irante sur la tero oni ne darfas lasi postsignojn... Sed la stulta knabo ne obeis. Li ĉiam iris laŭ sia kutimo, kvazaŭ li, tute sola, kapablus ŝanĝi la pozicion de la akso de la terglobo...

Kelnero, filo mia... alportu al ni pluan glaseton da brando!

Li ĉiam legadis, konjektante, ke tio, kion li legas, estas vera; li plenigadis sian cerbon per tio, kio estis skribita en la libroj. Sed... oni devas rigardi la vivon... la vivon... en la libroj estas nenio. Kiu scias, eble ankaŭ ni tiel legadas hejme... sed la vivo estas tute alia afero... Oni atentu la ĉirkaŭaĵon kaj la tempon... Kiam la ĝusta tempo estos veninta, tiam mi aliĝos al la afero eĉ pli sinofereme ol li; se mi ne verŝos mian sangon ĝis la lasta guto por la ideo, kiu estas en mia cerbo, mi estu fihomo! Sed mi ja diris, ke estas ankoraŭ sufiĉe da tempo por tio.

Ah, ah... bruligis siajn fingrojn la knabo, bruligis... Nia urbeto

estas malgranda, oni tuj trograndigas ĉion en interparoloj... Necesas vivi kviete, trankvile, rifuĝante sin en angulon. Sed li — tute male — parol-atakis ĉiun, kiun li renkontis. Ĉiun gravulon de la lando li malamikigis al si. Fine li ekamikiĝis kun la famaĉaj viroj. Tiam mi admonis lin: Mia filo, ĉi tiuj ne havas religion, kredon; ili unue faras tion, kio estas farota plej laste!... Sed li ne volis aŭskulti min. La aliaj mensoge akuzis lin, kiam ili trovis du falsajn atestantojn... kaj la knabo estis ĵetita en malliberejon...

Vi eble ne kredos, ke tiun tagon mi ĝis vespero vagadis de loko al loko kiel frenezulo. Kiam mi nur ekpensis pri li, miaj okuloj malsekiĝis. Jes, mi ploris! Ne kredu, se vi ne volas, mia frato; sed mi ja diris, ke mi estas tia homo, kiu ŝatas siajn kamaradojn. Precipe por tiu pereu mia animo, kiun mi tiel ŝatis!... Sen mensogo mi diras, ke mia koro preskaŭ krevis. Li havas nek monon, nek parencojn, lia patrino kaj la gefratoj atendas la vivrimedojn de li. Malfeliĉo... kaj kia malfeliĉo! Mi ne havas monon, ke mi donu... Se mi havus... mi ja diris, ke pereu mia animo... Sed estas konata afero... ni estas salajruloj... kaj oni povas klarigi nenion, irante al iu peti... Malbona kulpo... oni ekruinigas homon. Ĉiuj havas po dek krimoj je ĉiu el siaj fingro... Mi eĉ ne povis rigardi lin, irantan en la malliberejon. Ĉu vi komprenas? Malvarma estas la vizaĝo de la malbenita loko... Sed mi volas fari por la malfeliĉa knabo ĉion, kion mi povos. Mi ja diris, ke mi estas preta oferi mian animon por kamarado...

Kiam mi aŭdis, ke li elektis vin kiel sian advokaton, mi iĝis tre kontenta, ĉar lia afero estas delikata problemo. Ĝi ne estas afero, kiun ĉiu alia advokato kapablus mastri. Oni rakontis al mi pri la defenda paroladо, kiun vi diris dum la unua akto (tiam mi estis malsaneta kaj ne povis veni en la juĝejon, sed la detalojn mi aŭdis de miaj amikoj); oni diras, ke vi diris laŭdindan defendparoladon. Eble vi savos la knabon...

Kelnero...! Venu kaj enverŝu ankoraŭfoje!

Trinku, mia frato, trinku! — Kredu, ke mi trinkas tion nur pro malĝojo. Se vi scius, kiel brulas mia koro! Se mi serĉadus dum dek jaroj, mi ne povus trovi alian tiel taŭgan kamaradon — kaj eĉ lin forrabis de mi la sorto. Kiu scias, kion li faras inter la ŝtonaj muroj nun, dum ni trinkas... Ho, la aĉa mondo...!

Sed... ĉu vi scias kion? Eble tio estas bona leciono por li. Eble eĉ ne estos malbone por li, se li restos tie dum ia tempo... Li bezonis tian

punon, ĉu ne? Hm? Kion vi diras? De tempo al tempo li estis tre malkvietiĝanta. Pro Dio, sur la vojo, kiun li iris, li povus esti farinta eĉ ion, por kio oni punas per morto . . . Fin-fine, li restos tie dum unu-du jaroj . . . ankaŭ tion li bezonas . . . bezonas por sia estonta vivo . . . por la trankvileco de sia vivo . . . por nia idealo: Ĉu vi komprenis? — bezonas por nia idealo. Mia karega frato, se vi ŝatas lin kiel mi, ne defendu lin . . . Se vi volas fari bonon al li, lasu lin, ke li suferu iom . . .

Kion diris Mussolini? Li diris, ke por esti utila homo, oni devas pasigi iom da tempo en malliberejo; ĉu ne? Estas laŭdenda homo, tiu Mussolini, sendube . . . Dum la mizerega situacio de la socio estas por intelektulo necesege restadi en malliberejo. Ne estas alia medikamento por iĝi matura, por kompreni la vivon. Eble nia homo ankaŭ kredas tion, levos iom la kapon el libroj, vidos la ĉirkaŭaĵon kaj pentos pro sia blinda atakemo.

Mi ja diris, ke se vi ŝatas lin, ne tro klopodu savi lin. Ne esploru ĉion tiel ĝisfunde. Mi aŭdis, ke vi estis tre verva en la juĝejo; mi kaj ĝojis kaj — pro la knabo — ĉagreniĝis. Mi invitis vin ĉi tien por priparoli la aferon. Li mem ja estas nerva kaj incitos la juĝistojn per siaj bagatelaj diraĵoj kaj tute fuŝos la aferon . . . kaj iĝos kondamnita. Ha-ha . . . unu-du jaretojn li restos tie . . .

Kial vi skuas vian kapon? Se vi ricevos alpagon al via advokata honorario, ĉu vi diros, ke okazis io maljusta? Tio ja ne estos malbone por li, sed bone . . . Se vi ne volas, ne akceptu tiun monon. Faru sindoneman agon por kamarado kaj ne akceptu. Sed . . . kiom da liroj li estis dononta al vi? Dudek kvin lirojn, ĉu ne? Mi donos al vi tridek lirojn, sed vi nur kondamnigu lin . . . Vi vidas, ke mi ŝparas nenian oferon por kaŭzi bonon al li. Sed ĉu nur tion? Mi ja akre sentos la mankon de tia bona amiko kaj ide-kamarado . . .

Kion? Vi demandas, de kie mi prenos la tridek lirojn . . .? Nu, kiam nia knabo estis ĵetita en malliberejon, tiam — memkompreneble — lia posteno liberiĝis kaj restis vakanta . . . Kiel anstataŭulo mi prizorgas lian oficon kaj ekde ĉi-monato mi ricevados krom-salajron . . . sume proksimume kvardek lirojn aldone al mia salajro . . .

Kelnero . . .! Ankoraŭ da brando . . .!“

El la turka lingvo tradukis
*Ferruh Canatay.*

*Vajanský:*

# La piedeto

Mi renkontis belulinon,
mia kor' ektremis —,
malatente la piedon
ŝian mi pied-premis.

Dolorkrio! — Senkulpiĝas
mi per voĉo peta:
„La piedon mi ne vidis,
estas ĝi tro eta."

Ŝian frunton tuj forlasis
ĉiu koler-signo,
ĉarma rido anstataŭis
trajtojn de indigno.

Sed por vi, amikoj karaj,
jen estas la vero:
havis ŝi piedojn la plej
grandajn sur la Tero.

El la slovaka tradukis *EVT.*

*D-ro Pitlík Aŭg.:*

# ALTAJ TATROJ

Ĉe la ĉeĥoslovaka-pola limo altiĝas sovaĝe romantika montegara ĉeno de Altaj Tatroj, kiujn slovakaj legendoj kaj poemoj tiom prikantas kaj en kiuj kulminas la beleco de ĉeĥoslovakiaj montaroj. En la centro de Eŭropo, sur malgranda teritorio, longa 25 kaj larĝa 15 kilometrojn koncentriĝas ĉiuj ecoj de montegaj naturaj belaĵoj. Nehavante antaŭmontaron, la Altaj Tatroj subite, krute kaj abrupte leviĝas el la ebenaĵo per sia plej alta Pinto de Stalin, antiganta 2663 metrojn.

Romantikaj lagoj de Altaj Tatroj estas neforgeseblaj. Ĉiuj havas sian apartan karakteron, ĉiuj pompas per sia aparta koloro, dependanta de la montegara ĉirkaŭaĵo, kiu en ilin scivoleme rigardas. Tiuj super 2000 metroj estas grizaj aŭ blankaj, la aliaj, da kiuj Tatroj posedas pli ol cent, estas bluaj; ĉiujn satigas per sia frosta akvo multegaj glacirokoj, kiujn eĉ la somera suno ne sukcesas venki.

La superflua akvo forlasas la lagnivelon en tre nombraj petolemaj akvofaloj kaj riveretoj, gvidantaj nin tra romantikaj valoj malsupren al klimataj lokoj kaj somerrestadejoj, kiuj per sia komforto povas konkuri kun la plej konataj en Europo. 1350 metrojn alte troviĝas ampleksa klimata loko Štrbské Pleso (Lago de Štrba), kies fenestroj kaj la plej proksima ĉirkaŭaĵo rekompencas la gaston per ĉarma rigardo sur la plej ampleksan lagon de Altaj Tatroj kaj ĝiajn ŝtonajn grandegulojn. Vespere, kiam ni revenas de la montara ekskurso, bonvenigas nin jam de la malprosksimo fabelo de la klimata loko Štrbské Pleso, disponigante al ni ĉiurilatan gastamon kaj ripozon.

De Štrbské pleso oni atingas sur ŝoseo aŭ per elektrika tramo la duan ĉefan klimatan lokon de Altaj Tatroj—Tatranská Lomnica, kiu ĉirkaŭita de arbaroj kuŝas 900 metrojn alte. Dek miloj da somergastoj alternas ĉi tie kun kuraĝaj turistoj, kies celo estas la pintoj de Tatroj.

La prefero de la turisma movado de Altaj Tatroj baziĝas ankaŭ je tio, ke estas eble en unu tago viziti iun ajn el la montegoj kaj reveni al la komforta somerrestadejo, da kiuj troviĝas ĉe la piedo de Tatroj pli ol dek. Kelkaj el ili estas specialaj saniglokoj.

Se Altaj Tatroj dum somera sezono entuziasmigas la somergaston, turiston kaj montgrimpanton, en kristalblankega vintra vestaĵo ili estas paradizo por la blankaj sportoj (skisporto, glitkurado kaj hockey).

Kiu amas la naturon aŭ kiu lernas ĝin ami, ne plu kontraŭstaras la allogemon de Altaj Tatroj, kiuj vokas nin dum somero kaj vintro en la trezorejon de siaj naturaj belaĵoj. Kiu trairis almenaŭ unu valon, kiu eksidis ĉe unu lago kaj surgrimpis almenaŭ unu pinton, revenas al Tatroj denove kaj denove.

---



---



Somera Kolegio de Esperanto en Svit, 1950. Foto Jurisa.
La instruistoj (de maldekstre: A. Slanina, D-ro L. Izák, V. Špůr, Zd. Raška, la direktoro D-ro A. Pitlík, Ed. V. Tvarožek, K. Šolc, M. Seppová) kaj la administranto M. Novák.

---

# Slavoj en la kreo de universalaj lingvoj

Preskaŭ ne ekzitas civilizita popolo, kies kelkaj popolanoj ne estus revintaj pri la „bela sonĝo de l'homaro" kaj sin okupintaj pri la lingva problemo. Estas ja memkompreneble, ke ju pli granda la popolo, des pli multaj unuopuloj povas troviĝi en ĝi, kiuj serĉas la manieron de interkompreniĝo helpe de lingvo artefarita.

Iuj el la inventitaj lingvoj universalaj estis *nur skribeblaj;* ili estas t. n. „pasigrafioj", kiel tiu de Dr. Verdi: „Nouvelle numeration parlée" (1859); iuj estis t. n. *gestolingvoj,* kia ekzemple tiu de V. G. Šercl: „Vsemirnyj jazyk i ĵestikulacija" (1886); sed pli multo el la projektoj estis *lingvoj paroleblaj,* t. n. „pasilalioj".

La paroleblaj lingvoj artefaritaj estas dividataj en tri kategoriojn:

a) *lingvoj kun tute elpensitaj vortoj;* ili estas „lingvoj aprioriaj," kiel ekzemple „Lingua Univerasalis" de Hungaro Andreo Réthy (1821) aŭ tiu de W. H. Henslowe: „The Phonarithmon" (1840); b) *lingvoj kun vortradikoj prenitaj el naturaj lingvoj;* ili estas „lingvoj aposterioriaj", kiel ekzemple nia Esperanto, kvankam kun kelke da vortoj aprioriaj (ekz. la tabel-vortoj) kaj c) *lingvoj miksitaj,* ekzemple Volapük de J. M. Schleyer (1880), kiu havis ja radikojn el naturaj lingvoj (precipe el la angla), sed ĝis nerekono kripligitajn.

El kvardeko da slavaj lingvo-inventintoj kvarono sin dediĉis al invento de *tutslava (panslava) lingvo.* En jaro 1908 Ig. Hošek publikigis projekton de tutslava lingvo sub titolo „Slovenský Tolmač"; en jaro 1912 Josef Konečný aperigis sian „Slavina" kaj sam-jare Prof. Edm. Kolkop panslavan lingvo-projekton „Slovanŝtina".

Krom ili krei tutslavan lingvon klopodis: Blasius Cumerdeus, Slovako Ján Herkel (ĝuste: Hrkeľ), Matija Majar, Kryzanić, G. Sapel, Kopitar, Petar Tomić kaj Petro Stojan kunlabore kun D. Ĉupovskij.

La ceteraj tri kvaronoj (krom Zygmund Romanski, Inĝ. Antoni Grabowski, D-ro V. V. Tiĥomirov kaj V. Ŝmurlo, kiuj klopodis perfektigi Esperanton) sin okupis pri invento de *internacia lingvo universala.* Inter ili estis Ĉeĥo *Jan Amos Komenský* (latine: Comenius), kies projekton, ellaboritan nur en ĝeneralaj trajtoj, aperigis „Esperantista" (jaro 1947, pĝ. 50—52) kaj „Esperanto" (jaro 1948, pĝ. 11—12).

Inter la Slavoj en la kreado de la lingvo universala Rusoj tenas la unuan lokon. Petro Stojan estis la plej fekunda sur tiu ĉi kampo. Li estas la aŭtoro de projekto „Spiranta" (1913), „Amiana" (1921) kaj de „Uniala" (1925). Ankaŭ la duan lokon okupas Rusoj: Vsevolod Ĉeĥiŝin kun du projektoj „Cifrovaja Ideografija" (1902) kaj „Nepo" (1913) kaj V. I. Vengerov kun siaj „Projekt nauĉnego i meĵdunar. jazyka" (1910) kaj „OMO" (1927).

Ankaŭ rusaj aŭtoroj estas M. N. Glubokovskij „Vsemirno-nauĉnyj jazyk" (1880), Stepan Baranovskij „Ideografia" (1884), V. G. Serci „Vsemirnyj jazyk i ĵestikulacija" (1886), A. F.-Starĉevskij „Nastojaŝĉij (ĵivoj) vsemirnyj jazyk" (1889), E. Gurin „Prometej-Prosvetitel" (1896), A. Kovalev „Meĵdunarodnyj nauĉnyj jazyk" (1911)", N. A. Nesmejanov „Viva" (1913), V. Petraŝeviĉ „Glott" (1918), Gorodin „AO" (1920), Vlad. Szmurlo „Esperido-Ariadna lingvo" (1920), S. A. Kukel-Krajevskij „Kuĝi" (QJ 1921), kaj Pisarenko „Panedo" (1925).

Trian lokon inter la Slavoj, laborintaj sur kampo de lingvo internacia, okupas ĉeĥoslovakoj. Krom J. A. Komenský *Škrabec* inventis lingvon „Eulalia“ (1908), *Dr. Ot. Kunstovný* „Servesprache“ (1927), *Dr. A. Sommer-Batěk* en 1933 eldonis lernolibron de tutmonda skribo kun titolo „Neoglifoj“. Kaj fine ni menciu Slovakon *J. Bobula,* kiu iam en la pasinta jarcento inventis pasigrafion.

Polaj aŭtoroj de lingvoj universalaj estas: Adam Zakrzewski „Lingva international“ (1896). J. S. Slonimski „Lingua Neoromani“ (1923). Edm. Erdman „Ideografia Analityczna“ (1926) kaj Samuel Horowicz la aŭtoro de „Cosmolingvia“ (1929).

Kvinaloke staras Jugoslavoj: Moses Paiĉ „Pasigraphie“ (1859) kaj Stevo Iviceviĉ „Pangrafia“ (1862).

La slava partopreno en la kreado de lingvo universala estas do sufiĉe granda kaj ĝi prezentas ĉirkaŭ dekduonon de ĉiu klopodado entreprenita sur tiu ĉi kampo.

El la supre nomitaj inventintoj multaj aliĝis siatempe al Esperanto kaj estas aŭ estis ĝismorte fervoraj esperantistoj. Ni menciu almenaŭ la plej eminentajn el ili: *Prof. Petro Stojan,* membro de Lingva Komitato, eminenta vortaristo. *Adam Zakrzewski,* aŭtoro de frapantaj artikoloj, per kiuj li refutis Idon, Antidon kaj aliajn reform-projektojn pri Esperanto, Lingva Komitatano. *Inĝ. Antoni Grabowski,* prezidinto de la Gramatika sekcio de Akademio, la granda poligloto kaj plej eminenta tradukinto esperantista (Sinjoro Tadeo, epopeo de Adam Mickiewicz). *Inĝeniero Vladimir Szmurlo,* kompilinto de Kompleta Rusa-Esperanta Vortaro.

Lingvo universala jam ne bezonas inventantojn nek inventontojn, sed ĝia kulmina formo: *Esperanto* bezonas ankoraŭ multe da fervoraj propagandantoj, kiuj faros ĝian vojon rekta al la fina venko.

*Ján Vado.*

---

DANKESPRIMO. La slovakajn partoprenintojn de la lasta tutŝtata Esperanto-Kongreso en Brno salutis „Trio el Židenice“ (14-ja Evo Chammerová, 13-ja Enjo Olšovská kaj 11-ja Peĉjo Olšovský) per poemeto, kies aŭtoro estas nia fidela kunlaboranto kaj amiko Frant. Jakubec. La ideo devenis nature de nia kara Malmilda, lia edzino. Slovaka Esperanto-Societo sincere dankas al la tuta „Verda familio“ por ĝia afabla bonveniga rememoro.

# Diru al mi, diru . . .

Slovaka popolkanto.

Malrapide.




Venos ja, li venos nigra sur ĉevalo,
ĝin alligos li al abi' ĉe dom-alo —
ĝin alligos li al abi' ĉe dom-alo.

Nia abieto ja belkreskas certe,
vintre kaj somere ĝi aspektas verde —
vintre kaj somere ĝi aspektas verde.

Tradukis *J. V. Dolinský.*

*Martin Benka:*

# Pri la slovaka arto

## III.

Dum la reĝado de Matiaso Korvin, kiu reĝis en Hungario en la XV-a jarcento kaj al kies regno krom aliaj regionoj apartenis ankaŭ Slovakujo, la arto ekprenis novan direkton. La reĝo, nevolante en epoko de renesanco postresti siajn reĝajn najbarojn, precipe tiujn de sud-okcidento, renovigis kaj modernigis en sia regno multajn, por la reĝado gravajn konstruaĵojn en nova, moda stilo renesanca. Laŭ kutimo ankaŭ li invitis eksterlandajn arkitektojn kaj aliajn artistojn el norda Italujo, precipe el la fama urbo de artistoj — el Firenze. Kiel unuan renesancan konstruaĵon oni mencias la *Loĝion* en Banská Bystrica el jaro 1541 (suda Slovakujo). Preterpase dirite, la Bratislava-kastelo estis konstruita laŭ la projekto de itala *majstro Ferrabosco,* la Trenčína-kastelo de *majstro Ranger.* La posteaj influoj el Aŭstrio, Germanio kaj parte el

Polujo efikis ĉie en la regno sur la konstrumanieron. En la tuta slovaka teritorio multaj konstruistoj ĉi-tempaj postlasis siajn verkojn, el kiuj multaj troviĝas nun en ruinoj, kaj la nomojn de iliaj konstruintoj la pasinteco vualas. La turkaj militoj postlasis siajn verkojn tiaj, kiel ĉiuj militoj, kaj post ili la arto devis retiriĝi por cedi lokon al pli gravaj aferoj, kiujn bezonis la detruita lando slovaka. Ili sekvigis dekadencon de la arto.

*

Dum la epokoj de klasikismo kaj romantismo plu laboris fremdaj artistoj, ĉar da artistoj slovakaj estis nur malmulte. Kiuj estis, tiuj nur helpadis kaj laboradis super akcesoraj laboraĵoj aŭ foriradis fremdlanden por tie serĉi laboron kaj perfektiĝi profesie. Ne unu el ili perdiĝis por la slovaka arto eĉ por la nacio. Tia estis *Samuel Bohumil Henrich*, instruisto de nia eminenta pentristo *Ján Kupecký*. S. B. Henrich, kiel artpentristo, laboris en Anglujo, Germanujo eĉ alie en Eŭropo, sed pri li ni scias krome nur tiom, ke li mortis en Germanujo.

Tiuj artistoj, kiuj restis en sia patrujo, vizitadis artlernejojn en Budapeŝto kaj multaj el ili subiĝis al la reĝimaj kaj aliaj cirkonstancoj de dura vivo, kiu perdigis ilin por la nacio. Nur fortaj unuopuloj, elteninte ĉiun premon, restis fidelaj same al la nacio kiel al la arto. Tian artiston ni menciu en *Samuel Libay (1786—1866)* el Banská Bystrica, kiu edukiĝis en Praha je bona lignoskulptisto kaj art-oraĵisto. Lia filo, bona artpentristo, ne estis tiel rezistema kiel la patro, kaj li germaniĝis.

Alia artisto, kiu ne prosperis en sia patrujo, estis *Ľudovít Benický (1810—1855)*. Li estis pentristo, sciencisto kaj instruisto. En la 40-aj jaroj de la pasinta jarcento li fariĝis direktoro de Artakademio en Venecio (Italujo), sed li rezignis ne nur tiun ĉi belan postenon, sed ankaŭ la artprofesion kaj serĉante feliĉon en Germanujo, li germaniĝis kaj, laŭ sciigoj, poste li trovis sian feliĉon en Usono, kie li fariĝis fotografisto. La postsignoj pri li tie perdiĝas.

*Vavro Dunajský* kaj lia filo *Ladislav (1784—1833)* donis bonan bazon al la slovaka arto. La patro estis lignoskulptisto kaj liaj artlaboraĵoj portas sur si stampon de klasika baroko. La filo, artedukita en Munĥeno (Germanujo), estis bona skulptisto, sed en la arto li ne superis sian patron. Ili ambaŭ restis ĉie kaj ĉiam Slovakoj. Ĉi-rilate estu perme-

site mencii epizodon, kiu por tiuj tempoj estas karakteriza kaj por hodiaŭo interesaĵo se ne vantaĵo. Ladislav volis starigi memortabulon sur la muron de la naskiĝ-domo de la patro, sed oni tion ne permesis al li, ĉar la teksto de la tabulo estis slovaka. Multaj artistoj, edukitaj en Praha, pro nacia sinteno ne povis atingi tian postenon, kian ili estus meritintaj. Tial multaj artistoj devis labori sur diversaj laborkampoj nur por akiri porvivaĵojn kaj ne malkonfesi propran nacion, kiu bezonis helpon ĉiuflankan. Iuj artistoj-egoistoj zorgis nur pri propra profito kaj perdiĝis por la nacio. Sed estas konstateble, ke, kvankam ili forfalis el la listo de la slovaka historio, ili laboris serioze pri la arto kaj ni scias, ke la tiamaj tempoj postulis ankaŭ tiajn oferojn.

*

En la XVIII-a jarcento estis fondita de ĉeĥaj nobeloj en Praha Akademio de Artoj. Ĝi estis direktata per germanaj spirito kaj instrumetodoj. Longe oni instruis en ĝi nur pri desegnado. Farbojn oni uzis nur por kolorigi desegnaĵojn, ĉar laŭ la tiama opinio farboj kaj penikoj estis „malfeliĉo“ por pentrarto. Tiu ĉi arto portas sur si la stampon de la tiama opinio.

La artevoluo daŭris plu. La Akademio de Artoj plibonigadis instrumetodojn, alvenadis novaj profesoroj kaj artistoj kun novaj opinioj koncerne la arton. Praha kun sia Akademio fariĝis centro por junaj kaj pliaĝaj slovakaj artistoj. Ni menciu slovakan artpentriston *Fr. Belopotocký*, kiu fariĝis profesoro en la unua Popola Altlernejo nomata „Budeč“ en Praha. Ankaŭ tie instruis artpentristo *Jozef Božetech Klemens* (1817—1883), kiu desegnis ilustraĵojn por la Anatomia Atlaso de D-ro Fr. Staněk, laŭ kiu oni instruis en altaj kaj fakaj lernejoj ĉeĥaj.

Jozef Božetech Klemens, malfruslovaka artpentristo, interesiĝis ankaŭ pri skulptarto, arkitekturo, geologio, arkeologio, geografio, ktp. Artistan edukon li ricevis en Praha, sed poste li elmigris al Jugoslavio. Reveninte hejmen, li fariĝis gimnazia profesoro en Banská Bystrica (centra Slovakujo), kie li intsruis pri desegnado kaj aliaj lernobjektoj. Li pentris portretojn kaj preĝejajn bildojn laŭ stilo nazarena. En jaro 1883 li mortis en Vieno.

Post tiuj ĉi artistoj, edukitaj en Praha, venis artpentristo *Petro Bohúň* (elp. bohuunj — 1822—1879), kiu laboris je plibonigo de la slovaka artkulturo. Temojn por siaj verkoj li ĉerpis el hejmaj, slovakaj fontoj.



Pruntedonis „Krásy Slovenska“

Komenciĝis la nova lernejjaro.

Petron Bohúň influis granda ĉeĥa artpentristo *Josef Mánes*, kiu ankaŭ ĉerpis el la slovaka vivo kaj Bohúň havis en li bonan ekzemplon por daŭrigo en sia propra arto. Bohúň postlasis artvalorajn portretojn, altarbildojn kaj bildserion pri slovakaj nacikostumoj. Laborante por arto, li partoprenis ankaŭ la laboron por naciaj bezonoj. En tempoj de granda reviviganto slovaka Ľudovít Štúr, li portretis la revoluciulojn de la jaro 1848 kaj fariĝis la plej konata artpentristo ĉe la slovaka popolo. Liaj bildoj disvastiĝis inter la popolo kaj ili estas troveblaj en la slovakaj familioj. Li eklaboris ankaŭ super granda bildo laŭ motivo de reĝa „Dekreto pri toleremo", koncernanta la religiojn romkatolikan unuflanke kaj la protestantajn aliflanke. La bildo restis nefinita, nur en desegna skizo. La popolo kun kontenteco akceptis la menciitan dekreton, ĉar ĝi forigis la timon de unuj flanke de malamika eklezio, kaj pligrandigis ilian vivesperon. Sed kiel ĉiam, ankaŭ nun ne estis forigita ĉio, kio premis la popolon, ĉar la vivo restis plu dura, precipe por la artistoj. La nacio restis malriĉa, sen propra nobelaro, mankis fondaĵoj je plibonigo de la vivo de artistoj, sekve la arto en tiaj cirkonstancoj nur malrapide kreskis kaj nur paŝ-post-paŝe sin direktis al pli altaj celoj.

En la Bohúň-familio estis pluraj artistoj, sed ili restis nekonataj.

*Paŭlo Socháň* (elp. soĥaanj — 1862—1941), edukita parte en Praha kaj parte en Munĥeno, ekinteresiĝis pri etnografio, al kiu li restis fidela ĝis sia morto. Li postlasis bildojn laŭ popolaj motivoj. Plej multe lin interesis la popolaj ornamaĵoj kaj popolaj kantoj — unuvorte la popolartaĵoj.

Por la slovaka artisto la vivo estis ĉiam malafabla, tial ankaŭ Sochááň fariĝis fotografisto. Li faris grandan fotokolekton pri naciaj kostumoj slovakaj. La kolekteroj estas komponitaj kiel bildoj de pentrartisto. Elmigrinte Usonon, li fariĝis redaktoro de slovaka gazeto kaj kiel tia li helpis per skriba kaj persona agitado starigi slovakajn legiojn dum la unua mondmilito. Reveninte Slovakujon, li verkadis, prilaborinte la de li kolektitan etnografian materialon, kiu ampleksus eble 180 verkojn.

*(Finota.)*

PER KOMUNA LABORO

AL MONDPACO!

*I. Schoon, Nederlando:*

# TOUR DE FRANCE

(Konkura biciklado tra Francujo.)

En la nokto de la 29-a de junio 1919 denove eksonis la startpafo, sed oni tre multe ŝanĝis la regularon. Interalie la konkurantoj ne plu havis permeson helpi unu al la alia. Ne plu aperis antaŭveturistoj sur la vojo. La unuan fojon aperis la „flava sporttrikoto“ kaj la publiko tuj povis rekoni la gvidanton (kiu venkis en la lasta etapo kaj tial ĝin honore portis. Krome iu povas esti dumtempa gvidanto, estante la plej antaŭa en iu etapo. La gvidanto de la peletono multfoje ŝanĝiĝas, ĉar spite al la regularo la biciklistoj ofte laŭvice funkcias kiel „tiranto“ aŭ — neoficiale — kiel antaŭveturisto).

Post 3 etapoj sur la neebena pavimo el naturŝtonoj, restis nur 26 el la 69 rapid-biciklistoj, inter ili 2 el la B-kategorio. Unu el ĉi tiuj, Verstraeten, parton de la vojo veturis post motorbiciklo kaj pro tio ne plu havis permeson konkuri. Restis nur unu, nomita Nempon. Alveninte kiel lasta en Parizon, li tamen estis la „vera venkinto“ en la B-kategorio. Sed antaŭ ol Parizo povis akcepti la restintajn 11 biciklistojn, okazis tragika duelo inter la belgo Labot kaj la „maljuna“ Christophe, nomita „Cri-cri“. Forlasante la urbeton Valencienne, la franco falis sur la pavimŝtonojn kaj lia biciklo-forko rompiĝis. Lambot, rimarkinte, ke Cri-cri ne povas sekvi, tiel plikuraĝiĝis, ke li „forflugis“ kaj ĉie sur la vojo kriis: — Mi liberiĝis de la maljunulo! — La belga Lambot venkis en ĉi tiu etapo. Li veturis la 488 km iom pli ol 21 horojn!

Sed la „maljunulo“ ne cedis tiom facile! Nehavante permeson ŝanĝi biciklon, li ĝin kuntiris, ĝis fine li trovis riparejon. Tute trankvile li riparis sian „ĉaron“ kaj post pli ol unu horo li ree ekbiciklis kaj iom pli ol du horojn post la venkinto li alvenis en Duinkerken, la finon de tiu etapo. Poste la kompatindulo ĉiam havis malbonŝancon kaj kiam li, kiel lasta de la A-kategorio, alvenis en Parizon, oni eĉ aranĝis monkolekton por li.

Belgio tiom antaŭeniĝis, ke jaron poste preskaŭ ĉiujn unuajn premiojn akiris ĝiaj filoj. En unu de la etapoj en 1921 Barthélémy faris preskaŭ mortigan falon. Preterpasante tre akran vojkurbiĝon, li subite troviĝis antaŭ ŝtona muro. Peze li bremsis, glitiĝis, lia malantaŭa rado



Nia laborbrigado. Foto Jurisa

frakasiĝis kontraŭ la muro. Li falis de sur la 6 m alta vojo en rokecan fluejon de glacimalvarma rivereto ... Senkonscia kaj kun sanganta kruro li kuŝis en la akvo. Hazarde tie staranta pastro tiris lin el la fluejo. Remalferminte siajn okulojn, li lispis: — Mi cedas ... — sed levinte sin sur unu brako, li rapidis aldoni: — Se iu povus doni al mi alian radon, mi certe atingus la etapo-finejon en Aix-les-Termes! ... Oni donis ĝin al li kaj la tute kaduka Barthélémy ekbiciklis! Spite sian fatalan falon li ne sciis cedi kaj fine de la etapo la publiko akceptis lin kun plenbrakoj da floroj. Ĉiu estis ravita per tiom da persistemo.

En la Tour-on de 1924 intermiksiĝis ankaŭ politiko ... La Italo Bottecchia gajnis la premion en la unua etapo, sed en la dua (el Cherbourg al Brest) okazis incidento pro tutordinara biciklista sporttrikoto. La franca favorito Henri Pélissier, kiu estis en bonega „kondicio" (jaron antaŭe li estis venkinto), havis la kutimon, ĉe la ekforiro sin vesti per du sporttrikotoj. Ĉe la tagiĝo li forigis la supran kaj facilanime ĝin forĵetis (kiam temas pri venko de etapo aŭ la tuta Tour, sporttrikoto tute ne valoras). Tio fariĝis ĉe li jam kutimo. Sed nun Henri Desgrange tion rimarkis. En la regularo stariĝis: „... oni devas alveni tiel vestita, kiel oni komencis iun ajn etapon." Desgrange rapidis informi pri tio

la kontrolistojn. Estis publika sekreto, ke kvankam li estas franco, tamen li tre volonte vidus, ke venku la Italo Bottecchia, ĉar li ja tre simpatiis kun — Mussolini! Kiam la rapid-biciklistoj en Cherbourg staris startpretaj, unu el la oficialuloj venis al Pélissier kaj suprentiris lian sporttrikoton. La ĉiam flamiĝema Pélissier forte ekbatis la kontroliston kaj kolere kuregis al la direktoro Desgrange. Meze de la disputado oni (tre lerte) startpafis. Pélissier kun sia frato decidis striki. Ankaŭ la fama konkur-biciklisto Ville debicikliĝis.

La tri strikantoj intencis vagonare reiri al Parizo, sed iliaj civilaj vestaĵoj estis en Brest, la finpunkto... Ili ja ne povis vojaĝi vestitaj kiel konkurbiciklistoj. Kelkaj ĵurnalistoj, pasie sopirantaj je belega sensacia ĵurnalrakonto, pruntedonis monon kaj la triopo bele vestite revojaĝis Parizon. Tamen Desgrange povis esti kontenta: Bottecchia „brile" venkis ĉi tiun konkurbicikladon; li eĉ faris novan rekordon — lia meza rapideco estis 23 km pohore, ĝis tiam la plej malrapida biciklado! Ĉi-foje la konkurbiciklado malhavis ĉiun gravecon, ĉar plurajn etapojn la „rapidbiciklistoj" are kaj samtempe komencis kaj finis.

En 1925 Desgrange tamen devis senvalidigi la regulon pri la vestaĵo de la biciklistoj. Ankaŭ io alia estis ŝanĝita, nome ke „gvidanto" jam povas helpi al areto da biciklistoj, veturantaj por la sama biciklomarko. La agado de la trio do bonrezultis... En 1925 tri biciklomarkoj aperis ĉe la startloko: Alcyon, Louvet kaj Alleluia. Krome estis aparta grupo el Pyreneoj, aparta areto da Aŭstralianoj kaj en la „turista klaso" aperis naŭ aretoj. Post la unua etapo el la Aŭstralianoj restis nur la „ĉefveturisto" Opperman. En la grupo el Pyreneoj kunveturis iu Fontan, 36-jaraĝa. Ĉi tiu, al kontrabandisto similanta Bearnano, jam veturis de post sia 15-a aĝo, sed nur en sia naskiĝregiono, la montaro. Tie li fariĝis „reĝo". Ekde la starto la belgo Van de Casteele forkuris kaj havigis al si 27 min. da antaŭeco sur la pinto de la timata monto Aubisque. Post li rapidis la maljuna Fontan. Sur Tourmalet li estis jam la unua, ĉe Luchon li havis jam 7 min. da antaŭeco antaŭ la Luksemburgano Frantz, sed en la ebenaj etapoj li tiom malantaŭeniĝis, ke en Parizo li restis la sepa.

En la jaro 1929 la regularo denove estis ŝanĝita: la grupoj malaperis kaj ĉiu veturis aparte. Fontan, la „maljunulo" ankaŭ nun glorplene venkis en la malfacila etapo en kiu estis la montoj Aubisque kaj Tourmalet, kiujn li tre bone konis, tamen poste li veturis en fosaĵeton, pro

kio lia biciklo-forko rompiĝis. La ankoraŭ kune estanta peleteno forlasis lin kun la biciklopecoj. Sed la maljuna „reĝo“ ne naskiĝis cedema! Li metis la pecojn sur siajn ŝultrojn kaj ekiris al la plej proksima vilaĝo. Ĉar la veturon (post la etapo kun la montoj) oni komencis frumatene je la 4-a kaj la akcidento okazis nur 7 km for de la startejo Luchon, en la vilaĝo regis ankoraŭ nokta silento. Fontan ĉie forte frapis la fenestrokovrilojn, ĝis fine iu helpis al li. Al la ĵus akirita biciklo li muntis siajn proprajn radojn, reguligis la bremsojn kaj la ĉenaron, kaj spite unu horon da malfruiĝo li rapidis post la granda peletono. Ĉe la kontrolejo Tarascon sur Ariège li aŭdis, ke li malfruiĝis je 3 kvaronhoroj. Li falis de sia biciklo kaj kiel infano plorante li kuŝis en la herbo. La publiko levis kaj kondukis lin al la tablo, kie li devis skribi sian nomsignon, sed lia kuraĝo elĉerpiĝis kaj post kelkaj kilometroj li cedis . . .

*(Finota.)*

---

# La Verda stelo en alteco de 1984 metroj

Dum la Somera Esperanto-Kolegio en Svit la gekolegianoj faris ekskurson al Altaj Tatroj. Unu grupo vizitis ankaŭ la Lagon de Poprad (Popradské Pleso) kaj de tie supreniris al la montpinto Osterva, alta 1984 metrojn.

La supreniro okazis en du grupetoj, kiuj iris unu post la alia en proksimume kvaronhora intervalo. Mi iris en la dua grupeto.

Kiam ni atingis la montpinton, ĉe la paŝvojeto je nia surprizo ni trovis Esperantan stelon kun granda E-litero ene. La stelo estis el blankaj ŝtonoj, metitaj en la verdan herbon. Ĝi estis la laboro de la antaŭ ni irinta grupeto.

Ni longe admiris la stelon antaŭ ol ni daŭrigis nian marŝon. Revenante ni sidiĝis ĉirkaŭ la stelo kaj faris foton pri tiu ĉi Esperanta stelo — tiam verŝajne la plej alte troviĝanta stelo en la tuta Respubliko.

Forirante ni lasis la stelon tie — kiel dokumenton pri vizito de esperantistoj sur Osterva, kaj por propagando. Venontjare ni nepre klopodos viziti la monton Osterva por vidi, ĉu la stelo ankoraŭ ekzistas; se ne, ni rekonstruos ĝin kaj metos sub ĝin ankaŭ la vorton ESPERANTO.

EVT.

Eliz:

# Esperanta korespondado

La plej arda deziro preskaŭ de ĉiuj komencantoj estas tuj ekinterrilati kun eksterlandaj samideanoj. Tial ili diligente superŝutas la Esperantajn redakciojn, institutojn, organizajn centrojn ktp. per leteroj petantaj nomarojn de samideanaro diverslanda, eĉ adresaron „tutmondan". Nature, ilia deziro ne estas plenumata, ĉar io simila ne ekzistas aŭ ne estas kompleta aŭ fidinda kaj ili devas kontentiĝi pri aperigo de anonceto en ia gazeto en- aŭ eksterlanda. Tiu ĉi procedo postulas multe da tempo kaj nia malpacienculo plendas, protestas, seniluziiĝas, ne trovinte „sufiĉe da kompreno". Ja li eĉ ekmalamas la tutan aferon kaj serĉas alian „amuzon".

Multaj, ricevinte post ia tempo leterojn el eksterlando, kontentiĝas pri ili, prijuĝante la aferon finita; ili fieras pri sia posedaĵo, ili deŝiras la poŝtmarkojn, sed jam ne respondas, aŭ se ili deziras ankoraŭ pluajn poŝtmarkojn k. s., ili respondas per la sama fuŝa Esperanto kiel en la unua primitiva letero.

Ni devas persisteme avertigadi niajn gekursanojn kaj memlernantojn-korespondemulojn, ke Esperanta korespondado ne estas amuzilo, kiun oni darfas uzi kaj misuzi facilanime, sed ke ĝi estas afero tre grava kaj serioza; ke ĝi devas servi al altaj celoj. Se ni atente observas la leterojn de niaj korespondemuloj, sendatajn eksterlanden kaj ricevatajn de ĝi, ni ofte konsterniĝas pri la primitiveco, fuŝeco kaj nekomprenebleco de la enhavo, svarmanta per ĉiuspecaj eraroj, mankoj, idiotismoj malbone tradukitaj, neklaraj memfaritaĵoj ktp. Estas bone, se la komencanto eluzas la tempospacon inter la alveno de unuopaj respond-leteroj, studante kaj progresante, korektigante kaj ĉiam plibonigante la malpurojn jam anticipe preparitajn, se *li lernas korespondante.* Bedaŭrinde troviĝas multaj obstinaj eternaj komencantoj, aŭdacaj korespondemuloj-fuŝuloj sen memkritiko, kiuj ne volas aŭ pro troa aliflanka okupiteco „ne havas tempon" progresi. Finfine ili laciĝante mutiĝas, lasante la eksterlandajn leterojn nepririspondital.

Oni povas riproĉi al la gramatikoj-lernolibroj, ke ili ne sufiĉe respektas la bezonon de korespondemuloj, jam ekde la unuaj lecionoj, sekve la malpacienculoj ne povas ĝisatendi la koncernan lecionon aŭ la finon

de la kurso, kiu laŭ ilia konvinko daŭras tre longe, eĉ dum 6—8 semajnoj. Tial la unua Esperanto-Kolegio en Svit 1950 enkondukis kurson de Esperanta korespondado. Ni rekomendas ĝin ankaŭ al aliaj similaj kursaroj.

---

# Problemo pri landnomo

Kiam mi ricevas leterojn de miaj eksterlandaj geamikoj, la nomo de mia patrujo ne ĉiam estas skribita en la sama maniero. Iu aplikas la mallongan formon *Danio,* alia skribas *Danujo* kaj la plejparto opinias, ke *Danlando* estas la plej korekta formo. Kvankam mi ne estas lingvisto, nur tipografo, kies metio kaŭzas, ke mi estas lingvoamanto, la problemo min interesas.

En nia lingvo oni diras *Danmark;* tio similas al la angla formo *Denmark* (germane *Dänemark*, France *Danemark).* Komparante la esprimojn ni trovas plej internacia la nomon *Danmarko.* Sed „marko" estas esprimo havanta specialan signifon, aŭ mon-unuo en Germanujo, Finnlando kaj Estonio. Do — ĝi ne taŭgas.

En malnovaj tempoj, kiam la danaj vikingoj regis Grand-Britujon, oni aplikadis la formon *Danernes land,* t. e. la lando de la danoj. La nuna formo *Danmark* signifas (se oni tradukas ĝin laŭvorte): „la dana kampo". Ke „kampo" povas signifi ankaŭ „lando", evidentiĝas el tio, ke *kamparo* signifas dane *landet.* Kiam iu dana verkisto prikantas nian patrujon, li ofte aplikas por ĝi la poezian nomon *Danevang.* La lasta silabo estas tradukata „kampo".

Kiam mi legas Esperentajn presaĵojn, mi vidas, ke la formo *Danlando* estas preferata, ĉar ĉi tiu nomo klare kaj logike esprimas, ke ĝi estas lando, en kiu loĝas la danoj.

Kiel vi vidas, la nom-konfuzo facile kaŭzas fervoran debaton. Kaj pro kio entute? La ĉefaĵo devas ja esti, ke oni ricevu la leterojn. Sed ĵus tial oni devas elekti kaj oficialigi tiun formon, kiu estas plej logika kaj klara. Kompatindaj poŝtfunkciuloj, kiuj devas „tordi sian cerbon" por diveni kien ili sendu la poŝtaĵojn — ĉar la adreso tion ne montras sufiĉe klare!

*Bebel Sörensen,* Farum, Danlando.

---

## AL LA PRESFONDAĴO DONACIS:

J. Šustr, Praha 27.—; B. Pagáč, K. Vary 50.—; J. Mazura, Žamberk 27.—; V. Jakubčák, Děčín 10.—; Slovaka E-Klubo, Veselí n/M. 600.—; L. Zaoral, Holice 50.—; E. Hasal, O.-Přívoz 70.—; J. Pirončiak, Hubová 100.—; M. Sirkovský, Rožňava 60.—; V. Komorášová, Trenčín 50.—; V. Fedák, Košice 30.—; J. Kolenička, T. Sv. Martin 50.—; M. Stuchlý, T. Sv. Martin 100.—; M. Závodský, Žilina 70.—; J. Reiser, Plzeň 30.—; E. Kotrba, Kašperské Hory 20.—; S. Knížek, Liberec 50.—; R. Hladík, Kúty 25.—; Š. Závodský, Žilina 50.—; V. Závodský, Žilina 50.—; J. Fazekaš, Trenčín 70—; A. Krajčíková, Nitra 50.—; M. Zvara, Poprad 30.—; Michal Horváth, Modranka 50.—; E. Kolín, St. Lubovňa 100.—; F. Chabroň, Podvysoká 20.—; Š. Gottschal, Bratislava 100.—; M. Begala, Olomouc 50.—; V. Bayer, Bratislava 50.—; J. Drdoš, M. Kiar 100.—; O. Machovčák, Staškov 30.—; M. Riečanská, Zl. Moravce 30.—; A. Csáder, Bratislava 100.—; J. Kožušník, Bártová 50.—; M. Fučková, Val. Klobouky 50.—; F. Svačina, Lanžhot 50.—; B. Přeliáš, Šumbark 40.—; J. Ševčík, Jaroměř 30.—; Slovakotour, Trenčín 100.—; J. Zajíc, Vsetín 20.—; A. Witoszek, Opava 50.—; N. Pinkasová, Veselí n/M. 50.—; A. Chromčíková, Svit 30.—; O. Paľo, Klenovec 50—; J. Hadámek, Jakartovice 10.—; M. Wachallová, Brno 20.—; S. Zedníková, Modřany 100.—; K. Zipser, Stonova 100.—; V. Kudělka, T. Sv. Martin 100.—; J. Dobisová, B. Bystrica 50.—; A. Frant, Opava 20.—; Dr. E. Bojarský, Vranov 100.—; L. Znášik, Nedožery 100.—; J. Faltýnková, V. Meziříčí 120.—; A. Mudríková, Turzovka 70.—; J. E. Slávek, Praha 50.—; G. Menšík, Plasy 50.—; Š. Bartalský, Bratislava 100.—; P. Rosa, Bratislava 300.—; E. Friedmannová, Rožňava 70.—; Dr. K. Chovan, Prešov 50.—; E. Kučerová, Skačany 100.—; V. Žila, Brezno 50.—; J. Benco, Klenovec 50.—; M. Hotolavá, Plešivec 50.—; B. Hrivňák, Bratislava 50.—; V. Novotný, Č. Budějovice 20.—; A. Klimša, Třinec 50.—; M. V. Hofmeister, Bánová 50.—; L. Maitner, Bijacovce 100.—; J. Košutek, Košice 50.—; A. Páleník, Bratislava 50.—; M. Majerčáková, Kežmarok 50.—; J. Líčka, K. Vary 50.—; M. Lezo, Vrútky 50.—; J. Polák, Jaroměřice 20.—; R. Bušo, Trenčín 200.—; J. Dubiny, Trenčín 100.—; J. Lamačka, Trenčín, 100.—; J. Stoklasová, Trenčín 100.—; V. Varinský, Trenčín 100.—; J. Šolc, Poprad 100.—; E. Chúťka, Pov. Bystrica 50.—; I. a E. Rutšek, Nitr. Rudno 200.—; D. Kostolný, Gôtovany 100.—; J. Blažek, Strakonice 50.—; L. Blahutka, Vsetín 20.—; J. Machner, Liberec 50.—; Ing. J. Kochman, Praha I, 100.—; K. Macko, Trenčín 50.—; L. Kratochvíl, Sobotovice 25.—; K. Kraft, Příbram 40.—; B. Kubíčková, Praha 100.—; L. Bucharová, Liberec 50.—; I. Hirnerová, Trnava 100.—; B. Munzar, Hořice 30.—; D. Macková, Iľanovo 100.—; Účastníci Regiona kunveno, Veselí n/M. 445.—; M. Herbrich, Strakonice 50.—; A. Slanina, Praha 100.—; J. Sedlák, Čečejovce 100.—; Demänovské jaskyne, družstvo 500.—; M. Seppová, Nové Mesto n/V. 70.—; M. Telecký, Duchcov 20.—; Somera Esperanta Kolegio, Doksy 500.—; V. Benický, St. Lesná 100.—; O. Kneppová, Bratislava 100.—; J. Havas, Bratislava 100.—; A. Škerlík, Bardejov 50.—; J. Sepeši, Stupava 100.—. Sinceran dankon!

(Daŭrigota.)

# Pliperfektiĝu!

## EKSPOZICIO PRI BUROKRATIO.

Tiu ĉi ekspozicio estis aranĝita antaŭ nelonge en Budapeŝt kaj atingis rekordan viziton (altiris rekordnombran vizitantaron, estis rekordnombre vizitita).

El la mult(nombr)aj *ekspoziciaĵoj,* plejparte vere interesaj kaj instruaj, ni mencias ekzemple *peton pri tabakvendeja licenco (licenco por tabakvendejo),* kiu dum la ofica *procedo* atingis la respektindan pezon de 4,85 kg — sed ĝis hodiaŭ ankoraŭ *ne estas decidite pri ĝi.*

Ne malpli interesa estas la sorto de infana ĉapeto, trovita sur la strato (surstrate). Post longa migrado el unu ofico en alian, akompanata de ĉiam kreskanta nombro da *aktoj (dokumentoj),* ĝi finfine estis vendita en aŭkcio por 20 heleroj.

Sed tio ĉi ankoraŭ ne estis la fino de la ofica procedo. Anstataŭ la ĉapeto *daŭrigis tiun ĉi* lacigan maraton(kur)on *la sumo, por kiu ĝi estis vendita; la* sumo, akompanata de pluaj aktoj (dokumentoj), migris (vojaĝis) tra diversaj kontoroj kaj kasoj, ĝis ĝi feliĉe *alvenis* en la Nacian Bankon. De tie ĉi la *finitaj* aktoj (dokumentoj) vojaĝprete ekkuris *laŭ mala di-*

## VÝSTAVA BYROKRACIE.

Táto výstava bola usporiadaná nedávno v Budapešti a dosiahla rekordnú návštevu.

Z mnohých *exponátov,* väčšinou naozaj zaujímavých a poučných, uvádzame napríklad *žiadosť o trafiku,* ktorá za úradného *postupu* dosiahla úctyhodnú váhu 4,85 kg, ale dodnes *nie je vybavená.*

Rovnako zaujímavé sú osudy detskej čiapočky, nájdenej na ulici. Po dlhom putovaní z úradu do úradu *v sprievode* stále rastúceho množstva *spisov* bola konečne predaná na dražbe za 20 halierov.

Ale toto ešte nebol koniec úradného postupu. Miesto čiapočky *pokračovala v tomto* namáhavom maratóne *suma za ňu utŕžená;* táto suma putovala v sprievode ďalších spisov cez všelijaké učtárne a pokladnice, až *sa* šťastlive *dostala* do Národnej banky. Odtiaľ *vybavené* spisy sa rozbehly *opačným smerom* po všetkých príslušných úradoch, až po rokoch šťast-

*rekto (returnen)* tra ĉiuj koncernaj instancoj, ĝis ili post jaroj feliĉe revenis al la ofico, kiu ilin naskis.

Tia ĉi ekspozicio eble trovus *eĥon* en ĉiu lando kaj ĝi nenie *suferus je (pro) manko de konvenaj (taŭgaj) ekspozici(ind)aĵoj.*

livo sa vrátily do úradu, ktorý ich splodil.

Možno, že takáto výstava by našla *ohlas* v každej krajine a že by *nikde netrpela nedostatkom vhodných exponátov.*

Atentigu pri *Esperantisto Slovaka* viajn konatulojn. Sciigu al ni iliajn adresojn kaj ni sendos al ili provnumeron senpage.

Varbu abonantojn por nia gazeto, pagu tuj vian abonpagon. Fariĝu kunlaboranto.

Se vi volas ricevadi nian gazeton sen interrompo, bonvolu sciigi al la administracio ĉiun ŝanĝon de la adreso. Dankon!



Nia laborbrigado.

Foto Jurisa

## EL ESPERANTUJO

### NIA PETSKRIBO EN UNo.

La transdono de la UEA-Petskribo al la Unuigitaj Nacioj okazis la 2-an de Aŭgusto, en Lake Success, en la Konferenca Ĉambro N-ro 13 de la Uno-Sekretariejo. Kvar albumojn enhavantajn ĉiujn kolektivajn subskribojn kaj la plej gravajn individuajn akceptis nome de UNo *S-ro Benjamin Cohen*, de Ĉilio, Helpa Ĝenerala Sekretario de la Unuigitaj Nacioj kaj Estro de ĝia Departemento de Publika Informado.

Ses membroj de la Esperanto-delegitaro faris paroladojn en Esperanto kaj en angla, franca, hispana kaj rusa lingvoj. Nome de UNo la Helpa Ĝenerala Sekretario deziris plenan sukceson al la klopodoj de la Esperanto-movado. Li promesis oficiale informi la Ĝeneralan Direktoron de UNESCO, *S-ron Jaime Torres Bodet*, pri la transdono de la Esperanto-Petskribo. Li diris, ke li komprenis preskaŭ ĉion, kion ses Esperantistoj — naskitaj en 6 diversaj landoj — diris en Esperanto. Li aldonis, ke la flueco, kun kiu ili parolis la lingvon, forte impresis lin. S-ro Cohen ankaŭ menciis, ke la Esperanto-eldono de la Universala Deklaracio de Hom-Rajtoj, preparita kaj eldonita de la Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko, troviĝas en la oficiala listo de eldonaĵoj de la Departemento de Publika Informado de UNo. S-ro Cohen dankis la esperantistojn por ilia promeso labori por internacia kompreno, tiamaniere plifaciligante la klopodojn de la Unuigitaj Nacioj.

EL HÓDMEZŐVÁSÁRHELY EN HUNGARUJO ni ricevis jenan salutleteron: „Ni subskribintoj, en la nomo de la partoprenantoj de la III-a Sudhungarlanda Esperanto-Konferenco elkore salutas la slovakan esperantistaron, dezirante sukcesan kunlaboron per Esperanto por la paco, por socialismo“ ... Slovaka Esperanto-Societo sincere dankas por tiu ĉi esprimo de kora amikeco kaj deziras al la hungarlanda Esperanto-movado bonan prosperon sur kampo organiza kaj praktika, sed precipe en ĝia porpaca laboro.

JASOV. Baza E-kurso okazis en Jasov de la 3-a de jan. ĝis 31-a majo 1950. La kurson, kiu daŭris 40 instruhorojn, okazigis la Loka kleriga konsilantaro. Instruis s-ano Eŭgen Grich, lernejestro, Dipe de SES, al 22 gekursanoj. La kurso ĝuis moralan kaj materian subtenon de Slovakotour, loka konsilantaro por vojaĝtrafiko en Moldava n/B.

HANDLOVÁ. Depost la 4-a de aprilo 1950 funkcias tie ĉi provizora (prepara) komitato por fondo de LG de SES. Komitato: prez. *Alex. Kollár*, sekr. *A. Peňášková*, kas. *T. Šimko*, anoj: *Inĝ. J. Kerata, R. Lukáč* kaj *I. Izák*. La tasko de la komitato estas organiza laboro kaj kursgvidado.

MARTIN-VRÚTKY. La 28-an de sept. 1950 estis fondita LG de SES. La komitato: prez. *D. Rohonczi*, vicprez. *K. Chladný*, sekr. *M. Lezo*, kas. *E. Sekerka*, revizoroj s-anoj *Globinovský* kaj *Čambál*. — La unua grava tasko de nia plej nova LG estis okazigo de Regiona kunveno la 8-an de okt. 1950.

## ATENTU!

5 JAROJ DE ESP. ELSENDOJ EN ĈSR.

La esperantlingvaj elsendoj de la Ĉeĥoslovaka Radio, rekomencitaj en septembro 1945, atingis post kvinjara daŭro, en 1950, la nombron preskaŭ 4000. Oni elsendis dum la lasta tempo 45 min. ĉiutage per mallongaj ondoj, 20 min. semajne per mezaj ondoj kaj 60 min. unufoje en ĉiu monato arto-programojn de la Verda Stacio. Alvenis miloj da alskriboj el 32 landoj.

Ĝuste post kvinjara ekzisto, ĉiuj Esp. elsendoj estis ĉesigitaj samtempe kun multaj alilingvaj, simile kiel en la pariza radio. Skribu multnombre al la Čs. rozhlas, Stalinova 12, Praha XII, petante renovigon de la elsendoj.

## PERSONAJ SCIIGOJ

### GEEDZIĜOJ.

S-ano *Ján Kiner* kaj f-ino *Helena Hudáková* geedziĝis la 29-an de aŭg. 1950 en Hrabušice.

S-anino *Mária Hlinková* kaj s-ro *Emil Tomašovič* anoncas al siaj tutmondaj geamikoj, ke ilia edziĝfesto okazis la 1-an de julio 1950 en N. Mesto n/V.

S-anino *Žofka Ovčiarková*, eks-kasistino de LG de SES en T. S. Martin, kaj s-ro *Michal Oravec*, evangeliana pastro en Hodruša, geedziĝis la 17-an de aug. 1950.

Al ĉiuj niaj nov-edzaj paroj ni sincere gratulas!

## ANONCETOJ

(Por eksterlandanoj senpage, por enlandanoj kontraŭ alsendo de Kčs 20.— en pm. Apartaj adresoj ne povas esti liverataj.)

MALLONGIGOJ: dez.—*deziras;* kor.—*korespondi;* iŝ.—*interŝanĝi, -as;* pm.—*poŝtmarko*j*(n);* pk.—*poŝtkartojn;* il. pk.—*ilustritajn pk;* ĉ. l.—*ĉiuj landoj;* ĉ. t.—*ĉiuj temoj;* t. m.—*tuta mondo;* espaĵoj(n)—*esperantaĵoj*(n); esp-isto—*esperantisto;* ktp.—*kaj tiel plu;* k. s.—*kaj simile;* rk.—*respondkupono internacia;* g.—*gazeto;* Rc!—*respondas certe!*

Ĉiu anoncanto morale devigas sin respondi almenaŭ unufoje al ĉiu, kiu skribos al li.

Esperanto-Stenografio, laŭ ĉsl. sistemo Herout-Mikulík. Kun enlandaj Slovakoj kaj Ĉeĥoj korespondas la aŭtoro Adolf *Staňura*, OSTRAVA-Radvanice, Táborská 42.

Henryk *Kozaczuk*, 20-ja WÓLKA, p. Świerże, pow. Chełm-Lub., Polujo dez. kor. per il. pk. kun t. m. Respondos ĉiam al ĉiuj.

Kazuo Kagejama ĉe Gifu Nacia Sanatorio, Ooi-Ena-GIFU, Japanujo, 24-ja. komunisto dez. kor. kun ĉeĥosl. kamaradoj pri ĉiuj temoj, precipe pri politikaj aferoj kaj laborista movado. Certe respondos.

Esperantista-Klubo de Skövde arangos letervesperon kaj atendas grandan nombron da skribaĵoj el ĉiuj landoj. Skribu multnombre al s-ro Gunnar Ringh, Björkvägen 7, SKÖVDE, Svedujo. Respondo certa.

S-ro *Frank Rogers*, 162 Kingsway, DERBY, Anglujo, dez. leterojn kaj il. pk. por letervespero komence de 1951 en Loka Grupo. Rc!

S-ro *E. N. E. Järvinen*, 27-ja, kooperisto, dez. kor. kun ĉeĥoslovakaj kooperistoj. Adreso: Onnentie 23, c/o Setälä, HELSINKI-Kä, Finnlando. Rc!

S-ro *F. F. Costa Filho*, farmaciisto, Str. de Cotegipe 583-C/VIII, ap. 102,

RIO DE JANEIRO, Brazilo, dez. iŝ. il. pk. kun ĉ. l. Re!

S-ano Gustáv *Rumánek*, peltisto, NOVÉ MESTO n/V., ĈSR-Slovakio, dez. kor. kun. t. m.

S-ano Štefan *Záboj*, ZLATNÍKY č. 221, p. Šišov, okr. Bánovce n/Bebr., ĈSR, dez. kor. nur kun eksterlandanoj kaj iŝ. il. pk. kaj g-ojn.

S-ano Jan *Hadámek*, lernejdirektoro, JAKARTOVICE, okr. Opava, ĈSR, iŝ. il. pk., alumetetikedojn kaj Esp. revuojn kun t. m.

F-ino Věra *Wenischová*, PLZEŇ, Kroftova 24, ĈSR dez. kor. kun eksterlandaj instruistoj kaj oficistoj el t. m.

S-ano Miroslav *Leš*, 27-ja. bankoficisto, LIBĚŠICE u Úštěku 142, ĈSR, dez. kor. per il. pk. kun t. m. Respondo certa.

Emanuel *Tuháček*, inĝ. agr. OLOMOUC-5, Dvořákova 45, dez. kor. kun junaj ges-anoj en Slovakujo.

S-ano Florián *Krajník*, SLANEC, okr. Košice, Slov. ĈSR, dez kor. pri botaniko, iŝ. li. pk., filatel. g-ojn, muzik. komponaĵojn kun t. m. Certe resp. al ĉiu.

F-ino Anna *Stornová*, ZNOJMO, Příměticka 59, ĈSR, dez. kor. kun t. m. Certe resp.

S-ano Simeon *Atanasov*, 21-ja stu dento, BERIEVO, Sevlievsko, Bulgarujo, dez. kor. kun ĉeĥosl. s-anino..

S-ro Giovanni *Solinas*, 36-ja. instruisto, ĵurnalisto kaj sekretario de Universita popolare, VERONA, Italio, dez. kor kun ĈSR, iŝ. pm. kvanto kontraŭ kvanto.

Iŝida Kunio, 5—45, Honĉo dori Nakano — ku TOKIO, Japanujo, serĉas gekorespondantojn por sia Espertanto-grupo.

Japanaj kursanoj 14—18 jaraĝaj dez. kor. Suzuki Ĵunĵiro, 21 Kami-ĉo Oocka, Bunkjo-ku. — Niŝio Hisaŝi, 1—11 Tenĵin-ĉo, Juŝima Bunkjo-ku. — Ŝimizu Masanori, 568 Nogaŭa-maĉi, Kita-ku. — Hoŝino Kunio, 6—730 Komagime, Toŝima-ku. — Kuzumi Joŝitaro, 5-1111 Sugamo, Toŝima-ku. — Macuda Joŝihiko, 2-37 Okaĉi-maĉi, Daito-ku. — Haneda Ŝoozo, 2-123 Tegarimaĉo, Sumida-ku. — Iŝizaŭa Ĉooiĉiro, 2-2-2 Surugadai, Kanda Ĉijoda-ku. — Hirai Sousuke, 2-2-2 Surugadai, Kanda Ĉijoda-ku. — Hirai Sousuke, 2-2-2-ĉome Juŝima, Bunkjo-ku. - Udagaŭa Tadahiko, 8- Kamingegiŝiĉo, Daito-ku. — Kazuaki Kahauski, 6 (ĉome)-1 Honĉo dori, Nakano-ku. (Al ĉiu adreso nepre aldonu: TOKIO, Japanujo!!!)




**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adresa: Turč. Sv. Martin), časopis Slov. esperantského ústavu, vychádza mesačne. Zakladateľ A. Váňa. — Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zástupca Dr. Ľ. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—, — Účet Pošt, sporit,: S-9615, Slov, esperantský ústav, Turč. Sv, Martin, — Novin. výplatné pov. Riad. pôšt pod číslom 22.857-I.-1948. Dozorný a podací pošt. úrad Turč. Sv. Martin.

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adreso: T. S. Martin, ČSR-Slovakio), organo de Slovaka Esperanto-Instituto, aperas monate. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto D-ro. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 respondkuponoj aŭ egalvaloro en Esperantaj libroj.

Tlačiareň — Presejo: TATRAN (KÚS), T. S. Martin.


